# vegetarano

VEGETARISMO
ETIKO
HIGIENO
EKONOMIO



**Organo de TEVA**
**Tutmonda Esperanta**
**Vegetara Asocio**

Sekretario de TEVA
D-ro Noah Bar-On
Jerusalem . P. K. 804
Izraelo.

Kunlaboras
Naturisma Frakcio de SAT
Sekretario: J. S. Rooke,
A 172
Marum - Nederlando.

La celo de TEVA:
En la mondo krei kontakton
inter ge-EV-anoj,
kiuj estos pioniroj
de la estonta
etika civilizacio.



**JARO XXII**
**numero 2**
**Vintro 1957-58**

**vegetarano** 
Organo de TEVA

Eldonanto kaj redaktoro:
A. ANDRIU
á Salusses par Montsalés
Aveyron - Francio.

Tipografista kunhelpanto:
BEBEL SØRENSEN
Farum - Danlando.

## *La plej grava afero*

Foje mi skribis al amika persono, ke la homa intelekto estas komparebla kun arbo, kiu havas multajn branĉojn; kelkaj kreskas multe, iuj fojoj mirinde multege, dum aliaj restas en rudimenta stato. Same okazas kun la homaj, intelektaj kvalitoj. Kiam oni diras, ke tiu aŭ alia persono estas »inteligenta homo«, sed se ni konus tiun personon pli ekzakte, tiam ni baldaŭ vidus, ke tiu persono estas nur en kelkaj rilatoj eksterordinare »inteligenta«, dum en aliaj aspektoj de siaj mensaj kapableoj tute ne estas tiel disvolvigita. Tiel la muzikisto vivas ĉefe nur por sia muziko, la pentristo kun vere ekstazo kontemplas siajn pentraĵojn; la arkitekturisto dediĉas sian tutan intereson al la arkitekturon, la politikisto kredas, ke per sia politika kaj ekonomia mondkoncepto li savas la »civilizacion«, eĉ kiam li per siaj malindaj, fanatikaj ideoj kondukas la homaron al la mizero kaj pereo.

Tamen, unu afero ekzistas, kiu por ĉiuj homoj estas — aŭ devas esti — multe pli interesa ol ĉiuj aliaj aferoj, pli ol niaj profesiaj laboroj kaj pli ol niaj kulturaj aŭ intelektaj preferaĵoj; pli ol vegetarismo kaj pli ol Esperanto, kiuj nur estas parto de la plej grava studo, kiu povas interesi la homan menson, kaj kiu estas la simpla kaj samtempe mirinda fakto de nia ekzisto mem. Al ni mem, al nia malgranda mikromondo ni devas dediĉi nian tutan intereson, ĉar ĝi estas la centro de ĉio, kio povas interesi nin. La homo ordinare restas en dormema, maŝinsimila stato, kaj tute ne atentas pri la mirinda fakto, ke li estas VIVANTA, PENSKAPABLA kaj SENTKAPABLA estaĵo, kiu povas konstrui la plej komplikajn, mensajn konstruaĵojn, estante ĉirkaŭita de nekoneblaj, similaj estaĵoj, kiel li estas, kiuj ĉiuj havas siajn, specialajn karakterojn, interesojn kaj mensajn kapableojn. Ĉu ne, la homo estas vere mirinda kreaĵo, malgraŭ ĉiuj siaj defektoj? Tamen, ni dediĉas nian atenton al ĉiuj eksteraj aĵoj, sed ne al la studo de ni mem, de niaj internaj deziroj, sentoj kaj agoj, ne al la rilatoj inter ni mem kaj la ekstera mondo, kiu ĉirkaŭas nin.

Do, se estas fakto, ke ni ekzistas, tiam de kie ni devenas, kial ni naskiĝis, kio estas la celo de nia vivo, kaj kio estos de ni post nia morto? Jen estas en malmultaj vortoj la esenca senco de nia vivo. Dika vualo, vera »fera kurteno« malpermesas al ni klaran komprenon pri la sekreta senco de nia ekzistado. Sed malgraŭ tiu konfuza kompreno de la kialo de nia vivo, malgraŭ tiu nediskutebla fakto de nia ekzistado kaj tiu mondo, en kiu ni vivas ne interesas nin, kion ni do ankoraŭ povus serĉi, kio povus havi intereson por ni?

En ĉiuj tempoj, depost la homo sufiĉe evoluiĝis kiel pensanta estaĵo por fari uzon de sia cerbo, tiuj demandoj okupis kaj reokupis la homan menson. Sed pro la neebleco penetri en la malhelan labirinton, kiu kaŝas al ni klaran ekkonon de la celo de nia ekzistado kaj de ĉio, kio vivas en la naturo, la homo kreis fantaziajn konceptojn pri la mondo kaj pri la vivo de la homoj, kaj kreis iom post iom multajn religiajn dogmojn, kiuj estis — kun malgravaj variaĵoj en la respektivaj epokoj — kopiitaj unu de la alia, havante la ĉefan celon lasi la amasojn en la nescio kaj ekspluati la kredeman popolon. La religioj nur malmulte lumigis — sincere kaj senpasie — la veran kialon de la vivo, lasante la popolamasojn dum multaj jarcentoj en superstiĉa kredo, altrudigante kaj enradikante al la nescia popolo malrealan, mistikan kaj fanatikan konceptojn pri la ideo — Homo kaj Dio. La religiaj sistemoj estis en ĉiuj tempoj speco da komerco (plejbondire vera komerco) ekspluatante la nescion de la homoj en ĉiu senco kaj kondukante la popolojn eĉ al sangaj, kruelaj militoj, bruligante iliajn kontraŭulojn vivantajn sur la lignofajro, kiel oni faris dum longa tempo dum la inkvizicio, kian hommalindan proceden ni neniam devas forgesi!

La religioj do, anstataŭ sincere kaj logike lumigi la interesegan temon pri la ekzistado de la homo kaj pri ĉio, kio lin ĉirkaŭas, oni nur faris de la teologio en ĉiuj tempoj kaj ĉiuj partoj de la mondo egoistan komercon, por ekspluati kaj lasi en la nescion la popolamasoj. Sed nova vento blovas, kaj alvenis tempo, kiam la homaro pli kaj pli liberiĝas de la superstiĉo kaj religiaj antaŭjuĝoj. La homo de la 20-a jarcento ne plu kontentiĝas kun la teorioj de la meza epoko pri la mondo kaj la vivo. Li ne plu kontentiĝas kun fabeloj, ĉar fora estas la infana aĝo (la aĝo de la unua infanaĝo) kaj la homoj de la nunaj tempoj volas pli objektivajn klarigojn pri la temoj, kiuj interesas ilin.

Kiam la homoj ekkonas la mallogikon kaj la fanatismon de la multaj religiaj sistemoj, ĝenerale ili akceptas la mondkoncepton de la materialistoj. Tio estas la natura kaj la logika konsekvenco de la vekiĝo el siaj religiaj revoj. Tamen, la materialistaj teorioj ankaŭ ne kontentigas pensantan homon, kaj tiuj teorioj nur estas la dua sed ne la lasta ŝtupo en la evoluo de la homa ekkono. La homa mensa evoluo estas longa kaj malfacila vojo, kaj la brilanta lumo de la absoluta vero restas ankoraŭ kaŝita enlonga malproksimo, malantaŭen profunda mallumaĵo. Tamen, antaŭen ni marŝos, ĉiam, paŝon post paŝo, falante ofte teren kaj eĉ foje irante malantaŭen dum pli aŭ malpli longa tempo. La evoluo de la homo, ĝia mensa evoluo, kaj ĉefe ĝia *vere* kultura, t. e. ĝia *morala* evoluo, estas komparebla kun marŝo al la pinto de alta monto kun ĉiuspecaj malfacilaĵoj sur la vojo, kie oni ne ĉiam povas iri rekte alten sed devas fari multajn ĉirkaŭirojn, irante unu fojo alten, la alia malalten kaj poste ree alten ĝis kiam, ni iom post iom alproksimiĝas al la fino de nia ekskurso, al la plej alta punkto de la monto. Same estas la evoluo de la unuopaj homoj kaj en pli vasta senco kun la homaj rasoj.

Teknike kaj en la scienca rilato la homaro en la pasinta kaj en la nuna jarcento faris saltegon, sed en vere kultura senco (en morala senco) la homaro nur malrapide evoluas. Tion pruvas la hontaj militoj kun ĝiaj ĉiuspecaj kruelaĵoj, kaj la

ĉiutaga, malkompata, senkora bestbuĉado. Jes, la morala evoluo de la homo estas multe pli malrapida kaj malfacila ol la tuta scienca kaj teknika progreso, ĉar per la morala progreso ni antaŭe devas venki grandan kaj perfidan malamikon, kaj tiu malamiko estas *ni mem,* nia kara kaj adorata personeco. Ĝin ni devas venki antaŭ ĉio, investigante kaj analizante zorgeme ĉiajn niajn sentojn kaj tendencojn, enmetigante ordon en ĉiuj niaj agoj kaj pensoj. Kun granda atento ni devas studi kaj observi objektive ĉiujn niajn sentojn kaj kutimojn kaj niajn rilatojn kun aliaj homoj, komencante en la rondo de niaj familianoj. Per zorgema observado de ĉiuj niaj agoj, kaj ĉefe la agadoj, kiuj koncernas aliajn homojn, ni iom post iom reformos niajn malbonajn, malkorektajn kutimojn, t. e. ni reformas kaj plibonigas *nian karakteron.*

Jen la plej grava kaj samtempe la plej malfacila tasko de nia vivo. Same kiel skulptisto per ĉiama atento kaj observo plibonigas ĉiam pli kaj pli siajn kreajojn, ĉizante tie kaj tie por doni al ili la deziratajn trajtojn, same ni devas senĉese plibonigi nian karakteron per ĉiama atenta observado de ĉiuj niaj agoj, pensoj kaj sentoj. Jen la plej grava afero de nia ĉiutaga vivo, pli grava ol ĉiuj sciencaj aŭ mehanikaj progresoj, ĉar vera (morala) progreso alportos al ni mem kaj al la tuta homaro profundan internan pacon kaj feliĉon, dum la nura malvarma scienco nin kondukas al la malfeliĉo kaj al la pereo. Ni do ĉiam kaj en ĉiu senco perfektigu nian karakteron je la utilo de ni mem kaj je la utilo de ĉiuj aliaj homoj. Tiel ni ne perdas en bedaŭrinda maniero la tempon, sed kontribuas tiel, ke ni mem kaj la tuta homaro vivu pli pacan kaj feliĉan vivon ol ĝis nun, kio estas la eterna sopiro de ni ĉiuj, kaj tiel LA PLEJ grava AFERO.

*C. Belzer.*

---

## Establigo de Internacia Vegetara Kolonio

*(Komuniko)*

Dank'al la anoncoj en »Vegetarano«, num. 1. 1957 kaj en aliaj periodaĵoj, alvenis leteroj de interesuloj el multaj landoj. Pro tro okupado ne ĉiuj ricevis respondon. Ni do publikigas jenajn informojn en la revuo »Vegetarano«, kiun ĉiu korespondanto ricevos.

La kolonio estos bazita — laŭ la konvinko de la iniciantoj — sur jenaj principoj: Vegetarismo, laŭnatura tekulturado (sen bestbredado) Koopero, sennaciismo kaj Esperanto uzata kiel neŭtrala internacia lingvo inter la membroj de la kolonio.

En Sao Paulo, Brazilio organizis sin grupo de vegetaranoj. Ili decidis kunhelpi kaj partopreni la establigon de la kolonio, kaj proponas akiri terenon en la interno de la ŝtato Mato Grosso, situanta en la centro de Brazilio.

Aliaj proponoj de grupoj aŭ soluloj estas bonvenaj, tamen fina decido estas aprobata — temas pri Brazilio — kiam la nombro de la anoj kalkulos almenaŭ 50 personoj, kiuj prezentas la pioniran nukleon de la tuta organizaĵo. Ne eblas de antaŭe fiksi la nombron de la anoj, oni imagas al si 500 familoj, (ankaŭ soluloj).

Dua grupo organizas sin nun en Izraelio. Vegetaranoj, kiuj aprobas la supre menciitajn principojn, estas invitataj aliĝi al unu de la du grupoj, aŭ ili organizu similan grupon en sia loĝloko. La grupoj kontaktas reciproke kaj klopodas realigi la entreprenon.

Ni opinias, ke la preparoj — ĝis la unua grupo alvenos okupi la kolonion — daŭros proksimume 1—2 jaroj.

Vegetaranoj, dezirantaj partopreni, aŭ plurajn informojn, turnu sin bonvole al unu de subaj adresoj, menciante: aĝon, familan staton, okupon, lingvaj-scion ktp.

1) Gilbert Ledon, Avenida Patria 1377, Apt. 2, Porto Alegre (R.G.S.) Brazil.
2) Jehezkel Dorn, Sekr. de »Vegetara Karavano«, Tel-Aviv P.O.B. 2460 Izrael (grupo 2).

*Notoj.* Al s-ano Gilbert Ledon eblas skribi: angle, hispane, portugese aŭ en Esperanto.

Al s-ano J. Dorn skribu: hebree, germane aŭ en Esperanto. Por kovri la elspezojn de poŝtmarkoj ktp. estas la aldono de responkuponoj afable petata.

*Jehezkel Dorn,*
Tel-Aviv — 15-12-1957.

---

## Pri la morala venko de la homaro

La homa asocio prezentas ne mehanikan kolekton de la homoj, kiuj ĝin formas, ne estas komplekso el distance kombinitaj, konsistigitaj partoj, ĝi estas formita el organike kunligitaj nomaj individuoj, metitaj en plej-diversajn rilatojn. Tio, kio laŭ senco formas la homan asocion, estas la agado por subtenado de la ekzistado. Tio ĉi agado estas enmetita en la instinkto por la memkonservado. Kaj ĝi estas la libera agado — unuvorte: la laboro. Ne ekzistas vivanta ekzistaĵo, kiu ne elfaradi agadon, per kiu liveradi al si tion, kio estas necesa por subtenado de ĝia vivo. Kaj tiu ĉi agado estas origina, baza, konstanta, sen kiu mankas ekzistado, mankas vivo.

Tiu ĉi granda leĝo por subtenado de la vivo en la homa manifestiĝas en plej-alta kaj varia formo, kiun oni nomas libera agado. En la homo tiu ĉi agado jam ne haltas tie — por ke oni ricevu la materialojn por subtenado de la vivo en preta, malmatura speco. Sed li scipovas prilaboradi tiujn ĉi materialojn. Per tio ĉi li alkonformigas la naturan medion al siaj bezonoj.

Tuj kiam la labora procedo estas aktuala kondiĉo, kiu formas la homan asocion — sen ĝi mankas asocio, ĉar mankas vivo — ĝi estas tre komprenebla, ke tie, en tiu ĉi svero manifestiĝis plej-granda progreso de perfektiĝado. Tiu ĉi progreso estas en teknika perfektiĝado de la ilaro de la produktado.

Aliflanke, oni devas evidentigi, ke la homo estas la unika ekzistajo sur nia planedo, kaj ĝi ne kontentiĝas nur per pano, loĝejo kaj vestaĵaro. En li estas enmetitaj aliaj bezonoj, kies kontentigado estas tiel same origina kaj baza, por ke li elkresku kaj evoluiĝu, ne nur kiel biologia individuo, animalo, sed ankaŭ kiel homo. Li estas la unika ekzistajo, kiu ne vivas nur per pano, sed ankaŭ per io alio. Kaj tio ĉi »io alio« koncernas lin, kiel spirita ekzistaĵo. Kaj spirita ekzistaĵo signifas kreianta ekzistaĵo. Kreianta ekzistaĵo tamen signifas, antaŭ ĉio, kapableco por tia agado, ĉe kiu konscie, per anticipe klarigita celo (nocio) por ke povu aliformigadi la ĉirkaŭan medion adaptante ĝin al si mem, aŭ per

tio li alkonformiĝadu pli bone al tiu ĉi medio. Tie ĉi estas metita la nocio ankaŭ pri la memperfektiĝado, kiel ankaŭ la plej alta idealo por propra kaj socia perfektiĝado de la homa vivo.

En la nekalkuleblaj, konkretaj formoj de la rilatoj de la homoj en la asocio ekzistas unu rilato, kiu estas en rekta ligo je kontentigado de la bezono por elkreskado kaj evoluado de la homo, kiel kreanta ekzistaĵo. En tiu ĉi rilato manifestiĝas tiu agado, kiu helpas, donas la necesan »nutraĵon« al la junaj, la subkreskantaj, por elkreski kiel kreiantaj homoj, t. e. nome estiĝi homoj, kaj ne resti en sia evoluiĝado pli proksime je la animaloj, ol je la homo.

Kiel plej aktuala afero en tiu ĉi agado por la elkreskado de la subkreskantaj estas la morala elkonstruado de la homo — oni elkonstruu tian ekzistaĵon, kiu povu manifestiĝi kiel kreinto de la bono: homo bononfaranto. Kaj kio signifas konkrete — homo bononfaranto? Tie ĉi ni kontentiĝos nin nur per tio: signifas progresiva en la vera senco de tiu ĉi vorto; homo, kiu ĉie kaj ĉiam strebas enportadi ĝojon en la vivon tie, kie li troviĝas; esti preta helpadi la forigadon de la suferoj en la vivo, esti preta oferi sin mem por la aliaj, sen atencadi la vivon de la aliaj. Tiu ĉi agado. Ĉar ĉe la elkreskado de ĉi agado estas nome la eduka agado, kiu estas la vitalo en la integra pedagogia agado. Ĉar ĉe la elkreskado de la junaj, se oni ignoros la elkreskadon de la homo — nenion pozitivan oni faras; oni faras la malbonon, ĉar la instruita homo, sen ĝusta formigita morala konscio, estas la plej danĝera besto sur nia planedo.

Nia tasko tie ĉi ne estas kompreniĝadi lerneja sence la metodojn de la instruado kaj la edukado de la junaj. Estas la tasko, ke oni atentigu, ke por elkreskado de la junaj kiel bononfarantoj portas respondecon kaj edukan ne nur la instruistoj, la lernejaj agantoj kaj la gepatroj, sed ankaŭ ĉiuj aĝuloj al ĉiuj junaj homoj — en ĉiu tempo kaj ĉiuloke. Kio signifas tio ĉi? — Tio ĉi signifas: ĉiu civitano (civitanino) devas havi konscion, ke paŝe ĉiu devas agadi tiel, ke li donas indan ekzemplon por imitado de la junaj. Ni vivas en socio, sed ni ne rimarkas, ke ekzistas infanoj. Kaj ili estas unu triono el la popolo. Ili estas ĉie. Provu postobservi vian vojon dum nur unu tagon, kaj vi vidos, kiom da fojoj vi estas en kontakto kun pli malaĝaj ol vi, al kiuj vi ŝuldas (antaŭ vi mem) agadi tiel, ke ili prenu ekzemplon de vi. Tio ne koncernas nur la infanojn, la junajn, lerneja sence, sed ĉiun konkretan homon, plej juna ol ni.

En sia vivo neniu povas eviti la rilaton al la infanoj. Ĉien li ja estas antaŭ la soifanta ekrigardo de la junaj, kiuj absorbas ĉion — ĉar tia estas la leĝo de ilia juna naturo. En la socia organizaĵo ĉiu homo prezentas centron, kiu neeviteble elradias influon en tiom direktojn, kiom da radioj povas eliri el la centro. Ĉiu homo ja estas fonto de influo kaj estas objekto de influo. Tio ĉi estas neevitebla leĝo de la kolektivo. Do, la demando estas: fonto de kia influo li devas esti en siaj rilatoj al ĉiuj ceteraj. — Antaŭ ĉio tia influo, kiu fortikigas la moralan povon de la volo. La signo, laŭ kiu oni povas reale vidi la strebon por efektivigado de tiu ĉi idealo, estas la estimo al la homo,



kaj plej ĝuste estas, oni diru: la amo al la homo. Multfoje eĉ partianoj, kiuj en sia ideologio elvenas tiun ĉi idealon, en siaj rilatoj al kunpartianoj elmontras malĝentilecon, en kiu estas nenio de la idealo, kiun ili servas.

La historion de la instruado oni scias, ke la romanoj dum la unua duono de la respubliko, dum la tempo de la tiel nomita familia edukado ekzistis formigita socia opinio, esprimita en la jena neskribita ordono: ĉiu grandaĝa romano estas devigita donadi indan por imitado ekzemplon al la junaj! Nenie, nenion faradi, kio povas doni malbonan ekzemplon. Vi povas al vi imagi, kiom grave estas, ke tio ĉi estu esprimo de socia opinio, oni sciante, ke la Socia Opinio havas pli grandan povon ol ĉiu skribita leĝo? Kaj ĝis kia grado estis deviga tiu ĉi povo, oni vidas de tio, ke kiam la viroj iris amuzon, bankedojn (laŭ nuntempa esprimo), prenis kun si ankaŭ la infanojn — knabojn, por ke ili estu detenitaj faradi agojn, kiuj ne estas bonaj ekzemploj por imitado. Tiu rilate se ni komparos nian efektivecon je la romanoj, kio rezultos? Kiom multaj estas la manifestiĝoj de personoj, de ĉiuj vidpunktoj politikaj ideologioj, kiuj estas ne nur por imitado flanke de la junaj kaj la infanoj, sed estas rekta veneno por ilia morala altigado. Se oni postobservos unu junulon de la domo ĝis lernejon, kion li vidos kaj aŭdos sur sian vojon, kaj oni bilancos, certe la minusoj estos pli multaj. La vivo estas plena je veneno: komencante la insultojn, la malbonajn vortojn, la drinkadon, la tabakfumadon, la batadon, la riproĉegon, la malbonajn librojn, la ekspoziciojn, la bildojn, la parolojn, la afiŝojn ktp. ktp. tio, kio estas malkovrita antaŭ ĉiuj kiel montraĵon. Kaj tio ĉi, kio estas kvazaŭ maskita, ĝi sur siajn vojojn faras malĉastecon en la animoj.

Unu taskon klare oni devas starigi nun, kune kun la alpaŝado de la atoma epoko: Oni devos liberigi tiujn povojn de la homa animo, kiuj estas en »atomo« de la amo, kiu estas pli forta ol ĉiuj atomaj energioj. Antaŭ du mil jaroj unu el inter la plej geniaj filoj de la homaro estas dirinta: »Se vi havas fidon kiom milia grajno, vi montojn movos«. Jen estas tiu ĉi atoma forto de la fido en la bono, en la filantropio, oni devas doni vojon kaj liberigon.

Oni povas uzi la plej diversajn metodojn por pligrandigo de la morala povo de la popoloj kaj de la tuta homaro. Sed oni devas scii, ke konsciado de la persona respondeco pri la malbono en la mondo, sen la persona klopodo de ĉiu homo por efektivigadi en sian propran vivon la idealon por la frateco, por la egaleco, por efektivigadi filantropion en sian konduton, oni ne povas atendadi pozitivajn rezultojn. Kaj ĝis hodiaŭ en la plimulto de sociaj agantoj dominas la superstiĉa opinio, ke la persona klopodo de la homo estas sen signifo en la batalo por socia bonfarto. En kazo la personeco estas konsiderata kiel senfine malgrandan grandecon ... Ankaŭ la atomo estis konsiderata je senfine malgranda distanca grandeco, sed okazis, ke ĝi en sia strukturo estas tuta universo kaj estas fonto de plej granda energio, konata de la homo.

En la erara uzo de la atoma energio oni konforme devas malkovri la eraron de la morala energio de la aparta persono, kies unika

povo povas regi la atoman energion kaj ĝin jungi en servo por la homo, kaj ne por mortigadi lin. Ĉiuj antaŭvidoj montras, ke la ekposedo de la atoma energio de la morala povo de la homa spirito elfaros la plej grandan inventon, antaŭ ĉio en la ilaron de la produktado, forigonte la konfliktojn, kiuj estas la jarcenta kaŭzo de la plej minacanta malbono — la milito.

*Elia Enĉev.*

Tradukis St. Bakaroff.

---

## Naturkuracado estas aplikata en malsanulejo

Du foje en augusto 1957 mi vizitis Allgemeine Krankenhaus (Ordinara malsanulejo) en Ochsenzoll proksime ĉe Hamburgo, pro ĝia tute neordinara sekcio, en kiu oni praktikas naturkuracadon. Inter la okcident eŭropaj hospitaloj tiu ĉi ekzemplo estas ununura, ĝuste pro tio, ke ĝi estas hospitalo por membroj de la malsanul-kaso en Hamburgo, kaj ĝiaj kuracistoj enmetas la pacientojn tien kaj rekomendas al ili provi tiun kuracmetodon.

Tiu ĉi interesa parto de la hospitalo havas 80 litojn por pacientoj kiuj grandparte estas virinoj, kaj neniam oni trovas neokupitan liton.

La multaj partoj de la malsanulejo en Ochsenzoll situas en granda bela parko, kaj la domo de la naturkuracado havas numeron 14, al kiu apartenas propraj sun- kaj aerbanejoj en la parko. Ekzistas nome tri apartigitaj, verdaj sun- kaj aerbanejoj, unu por la virinoj, alia por la viroj kaj tria por la personaro.

La velurmolaj herbejetoj invitas la homojn fari matenpromenadon per nudaj piedoj sur la malseka herbo, kaj tio kvietigas la nervmalfortajn urbhomojn, kiuj kutime trotas sur la asfalton en la polv- kaj bruplenigitaj stratoj en Hamburgo. La diversaj arbet- kaj arbogrupoj, la silento, la freŝa aero kaj la praktika duŝ- kaj piedaparatoj prezentas idealan ejon por nudismo aŭ por sun- kaj aerbanoj tiom, kiom la pacientoj nun povas toleri tion. Ankaŭ gimnastiko por malsanuloj estas aplikata pro ĝia grava signifo por la kuracado, ĉar konvena moviĝo bone progresigas la resaniĝon. La gimnastiko celas internan masaĝon, kiu kaŭzas movebleco en la stagniĝintaj organoj kaj rigidaj muskoloj tiel, ke la sangcirkulado pli bone povas funkcii.

Kaj la interno de la domo respondas al ĝia ekstere favoraj ĉirkaŭaĵoj. En la hela, blanka kuirejo estas preparata la bazan, naturan nutraĵon, ĉu temas pri la ĉiutaga krudnutraĵo, ĉu pri la diversaj per la fajro pritraktitaj dietoj, kiuj efikas kiel transiraj formoj dum la kuracado de la pacientoj. Sed momente ne estas eble havigi bio-dinamike kulturitajn legomojn, fruktojn kaj grenojn. Certe pli disvastigitaj informoj estas necesaj pri la pli granda valoro de la biologie kulturitaj plantoj, antaŭ ol la naturkuracada malsanulejo en Ochsenzoll sukcesos havigi sufiĉe de tiaj produktoj.

La ĉambroj de la malsanuloj estas belaj komfortaj kun altaj muroj kaj grandaj fenestroj. En du kaj kvar litaj ĉambroj certe la pacientoj povas atingi veran ripozon kaj pacan dormon en la nokto, kaj tio ja bone akcelas la resaniĝon.

La banĉambroj kaj la necesejoj estas teknike bone ekipitaj pro la uzo de tiu speciala, interna purigad-procedo, kiun la pacientoj ekkonas kaj spertas kiel tre gravan parton de la kurac-metodo. La problemo temas pri forigo de la venenigo de l'organismo, tial la pacientoj mem konscie devas kunvivi tiun procedon. La kuracistoj kaj la flegistinoj helpas ilin akiri la plej grandan profiton de la banakvo, kaj por la ekstera kaj por la interna uzo. La homoj nun ekkomprenas la internan purecon, ke ĝi estas necesa, ĉiutaga higieno, kaj la pacientoj lernas tion dum siaj restadoj en Ochsenzoll.

Oni aplikas ĉi tiun naturkuracadon por kormalsanoj, bronkito, astmo, pleŭrito, hepato-, intesto- kaj stomakmalsanoj, artrito, reŭmatismo, diabeto, ekzemo, haŭtsuferoj kaj neŭrastenio, kiel kompreneble por multaj aliaj malsanoj. La bona kaj la pacienca kurac-metodo kiu funkciigas la resanigantajn fortojn de la naturo, instigas multajn homojn daŭrigi analogan kuracadon hejme tiel bone kiel eble. Ili konscias la avantaĝon de la natur-resaniĝo.

En la saneca sekcio de la hospitalo en Ochsenzoll, la kvar elementoj — aero, akvo, dieto kaj moviĝo estas la solaj kuraciloj, kiuj estas aplikata kun bona rezulto. La intereso pri la rezultoj per naturkuracado estas kreskanta inter la kuracistoj, la flegistinoj kaj ĉe la pacientoj, tial la estonto ŝajnas esti certa por la agado de la sekcio.

D-ro Oelze afable respondis miajn demandojn, montris al mi la sunbanejojn kaj la diversajn ilojn en la ĉambroj, kaj mi povis forlasi la ejon kun la plej bonaj impresoj, kaj mi pensis, ke tie oni agas en la ĝusta direkto, ke estas ekzemplo, kiun multaj hospitaloj devos sekvi.

*Betty Larsen.*

## Vegetara kunveno

Dum la SAT-kongreso en Rotterdam ni aranĝis vegetaran frakcikunvenon. Ĝi fariĝis sukcesplena pro la partoprenantoj, la du prelegetoj kaj sekvanta, vigla diskutado, kaj fine pro la pago de kotizo al la frakcio.

La prelegantoj pritraktis temojn pri tiu homa feliĉo, kiun ni spertas dum la efiko de la natura kaj ĝusta nutraĵo. Kompreneble aliaj faktoroj en la vivo havas grandan signifon, sed ofte la interna ekvilibro dependas de nia sanstato, kiun ni plej bone povas konservi per ĝuo de la freŝa aero kaj konvena nutraĵo.

La dua prelegeto temis pri la ĝardenkulturado: estas necese nutri la teron per humformanta sterkmiksaĵo anstataŭ uzo de ĥemia, artefarita sterko. Oni ankaŭ devas eviti ĥemiajn ŝprucigrimedojn, kiuj ne nur trafas la fruktojn, sed ankaŭ falas teren kaj enpenetras la tererojn kiel danĝera veneno. La bio-dinamika terkulturado devas esti aplikata, por ke la tero estu sana kaj la kreskaĵoj estu senvenenaj tiel, ke la homoj ne bezonas timi malsanon. Se ni ne rompas la naturleĝojn, sed sekvas ilin en ĉiuj rilatoj, tiam ni ankaŭ per tio iom post iom atingos humanisman, socian perfektecon.

*La referanto.*

☆

*Rezolucio.*

La partoprenantoj de la vegetara kunsido 3—10 aŭg. 1957 en Rotterdam estas konvinkitaj, ke la nutrado de la homaro grandparte estas tute malbona, kaj *juĝas necese*, ke la tero estu kulturata nature kaj ĝiaj produktoj uzataj tutnature, do la legomoj, la fruktoj

(ankaŭ greno) nekuiritaj. En tiu stato ili estas la plejfruktedonaj por la saneco de l' homoj. Se oni rekte manĝas la kreskaĵojn, anstataŭ manĝi la bestojn, al kiuj oni donas multe da nutraĵo, la tero sufiĉe produktos por la kreskanta homaro, kaj malsato ne regos.

---

## Malsato? Kia malvero!

Viktor Gruŝko, docento ĉe Scienca Instituto en la urbo Rostov ĉe Don, kun granda intereso legis la lastan numeron de VEGETARANO, — kaj precipe la artikoleto de arkitekto Jermiin Frost kaptis lian atenton.

Unue li starigas la demandon:

De kiu kaj de kie s-ro Frost elpensis, ke en Ukrainio estas au estis malsato? Tia parolo estas fia kalumniaĵo. Antaŭ *tridek ses jaroj* okazis malsato — ne en Ukrainio, sed apud Volgo. Tio estis la sekvoj de civila milito kaj imperiista blokado. Sed nun! En Sovjet-Unio nun ne estas iu ajn malsato. Mi supozas, ke s-ro Frost ricevis siajn informojn de iu aĉulo.

Kiam nia lando, laŭ alvoko de la partio kaj k-do Ĥruŝĉev intencas superatingi USONO'n je la nutraĵa produktado, tiam Frost skribas pri malsato! Ukrainio estis kaj estas unu el la plej sataj kaj abundaj regionoj de nia lando. Se iam en Ukrainio okazus senpluvado, sekado, tiam aliaj regionoj tuj helpus al la frateca respubliko — sed mi diru: Mi longe loĝis en supranomita regiono kaj certigas, ke tio, kion s-ro Frost skribas, estas kalumniaĵo, malvero.

Se iu ukrainiano ekscius pri »la malsato«, tiam li unue ekridegus, ĉar li ekopinius, ke ĉi tiu »malsato« estus stulta ŝerco — kaj poste li sendube estus, indignita pro tio ĉi. Malsato? Kia malvero!

En la sama artikoleto Frost opinias, ke se la tero estos ĉiesa, tiam la homaro estos liberigita. Tio ne estas vero! Nu, vi rigardu mem! Supozu, ke la tero estus ĉiesa, ĉu tiam la kapitalistoj kaj fabrikistoj ĉesus ekspluatadon de la laboristaro? Ne sufiĉas, ke nur la tero apartenas al ĉiu — necesas ankaŭ ke la krudmaterialoj, rimedoj kaj iloj de la produktado estu ĉies, kaj ne propraĵo de kelkaj riĉuloj. Frost tute ne konas aŭ ne volas koni politikan ekonomion kaj pro tio ĉi li verkas malveron koncerne socialajn problemojn. Plue Frost skribas: »kie neniu ŝtato estas, tie la homoj estas plej feliĉaj.« Kie kaj kiam Frost vidis, »ke neniu ŝtato estas«? Tio ĉi okazis je antikvaj antaŭhistoriaj tempoj. Tiam regis la leĝo: Tiu, kiu estas plej forta tiu pravas! Ĉu al ĉi tiuj tempoj kaj leĝoj vokas nin Frost?

## DEMANDOJ KAJ RESPONDOJ

L. de Bruyne, Belga Esperantista Fervojista Asocio, demandas:

Kiam vi ne povas trovi konvenan naturpanon, kion vi do faras?

Se vi mem bakas vian panon, kian farunon vi uzas?

Kion kaj kiom vi al ĝi aldonas? Kiel ĝin baki?

Se vi ne estas terkulturisto, kiaj estas viaj spertoj pri liber-aera laborado. Ĉu vi prikulturas ĝarden(et)on)? Se ne, kie kaj kiel vi trovas la necesan fizikan malstreĉadon?



Pri naturpano ni povas prezenti receptojn, ekzp. 200 gr. da platigitaj avengrioj, 200 gr. sekigitaj abrikotoj, 2 manĝkuleroj da mielo, fluigita per varma akvo kaj unu kokosnukso frakasiĝas per maŝino kaj estas miksataj bone per la koskolakto, kaj estas formataj kiel malgrandaj panoj.

2. 250 gr. da platigitaj hordeo grioj, 150 gr. da frakasita tritiko, 300 gr. da daktiloj, 100 gr. da juglandoj frakasiĝas per maŝino, kaj poste estos miksataj bone kaj estas formataj kiel pano.

*Pano el tritiko-faruno* frakasita laŭ Grahammetodo. (branhava faruno).

En ½ litro da distilita, varmeta akvo estas miksata plengrajna faruno kun iomete da mielo, salo, 1 manĝkulero da oleo. La pasto ripozas 3 horojn, poste ĝi estas knedata kun 1 tekulero da natro kaj ⅓ da tekulero de tartra acido kaj tritika faruno, kiu ne estas hemie pritraktata. La pasto estas bakata 1 horon en varma forno.

*Anstataŭ bakita pano* oni povas manĝi kaĉon el diversaj muelitaj grenspecoj el senŝeligitaj grajnoj: ekzp. 1 manĝkulero da tritiko kaj sekalo, aveno, hordeo kaj brano el tritiko, 2 manĝkuleroj da sekvinberoj kaj 2 tasoj da akvo. Kiam la akvo bolas, tiam oni enverŝas ĉion en poton, kaj la kuirado daŭras 5 minutojn dum ĉirkaŭturnado. Poste la kuirpoto staras dum ½ horo antaŭ la manĝado.

Bedaŭrinde, la civilizitaj homoj plej parte havas laboron, enfermitaj en domoj, kie la aero komprenebie ne estas tiel bona kiel ekstere, precipe se multaj homoj laboras en sama loko. Se homoj ne havas ĝarden(et)on, ili verŝajne trovos alian ŝancon — en grandurboj ĝi ne ofte troviĝas oni povas ekz. promenadi en bela parko, sidi sur benko kaj rigardi la florojn, kuŝi sur la herbo, se tio estas permesata.

✶

Al s-ro Hosonuma-Syûzi, Japanujo ni povas respondi rilate al la demando pri lakto, ke ĝi estas individua problemo. Dum la transiro al nova dietformo, kelkaj personoj bezonas lakton, aliaj ne. En la principo pri krudnutraĵo el la planta regno, lakto ne estas aplikata. Se nia organismo povas digesti multajn, verdajn foliojn, tiam oni devas manĝi ilin, anstataŭ trinki lakton, kiun la bovino produktas el tiuj verdaj folioj, kiujn ĝi manĝas. La klorofilo en la verdaj folioj estas necesa por la organismo, en kiu ĝi formas hemoglobinon en la ruĝan sangon. Lakto fakte apartenas al la suĉinfanoj kaj al la mambestaj idoj.

Vitameno C precipe estas riĉe prezentita en citronoj, oranĝoj, tomatoj, plie en verda, blanka kaj ruĝa brasikoj, spinaco, verdaj pizoj, kukumoj, cepoj, petroselo, kaj nekuiritaj ĉiuj specoj estas facile digesteblaj. Ili perdas la vitamenon C per kuirado. Treege bona vitameno C-planto estas koklearo.

La kvanto de la manĝaĵo dependas de la respektiva bezono.

Vivanta nutraĵo estas la kondiĉo de la naturo por saneco.

✶

Samideanino P. Bariteaud sendis al ni la demandon: »Kiuj devas pesi siajn manĝaĵojn?« — Samtempe ŝi afable indikas nin uzi la brunan muelitan tritikon sub formo de kaĉo tre malmulte kuirita, sed opinias, ke ĉiu devas atenti pri la kvanto.

La respondo sekvas de si mem, ĉar temas pri tritika kaĉo eventuale pri pano, oni ne manĝu tiom multe da grenproduktoj, ke ni estas sataj, kaj ĝi tial malhelpas nin ĝui la pli konvenan nutrajon el fruktoj kaj legomoj kun verdaj folioj. Certe ĉiu devas atenti sian individuan bezonon kaj reguli ĝin plej nature.

---

## TEVA

Kun aerpoŝto de Izraelio ni ricevis la sciigon, ke N. Ĥavkin, la fondinto de »Vegetarano«, mortis en sia 83-a jaro pro »azia gripo«.

Ankaŭ TEVA — Tutmonda Esperanta Vegetara Asocio, ŝuldas sian ekziston de -s-ro Ĥavkin, same la Zamenhof-fondaĵo. Lia intenco estis, ke en Izraelio estu inda monumento pri Zamenhof.

Entute oni povas diri, ke pli entuziasma esperantisto kaj vegetaro oni ne facile renkontis. Ĉiam li estis preta oferi ĉion al ĉi tiuj du grandaj ideoj, ne nur sian monon sed ankaŭ sian personan laboron.

Ni esperu, ke la pli juna generacio daŭrigu lian laboron memore pri li. *M. N.*

---

## *Socialaj problemoj*

(Vegetarano nr. 1, p. 9 kaj 14)

Estas necesega kaj urĝanta faro meti la kartojn sur la tablon koncerne (Bellamy-ismon =) socialismon. Ĝis nun la mondo havis politikajn reĝimojn. Tio signifas: kelkaj civitanoj estas armitaj: per tiu forto la regantoj povas trudi al la tuta popolo sian volon, eĉ memmortigon, kiu nomiĝas milito. Socialismo ne estas politika reĝimo: Tio ne havas armitajn civitanojn: sekve ĝi havas nek militon, nek subpremadon de regantoj.

Kapitalista socio havas krimfarojn, kiu plejparte dependas de privata propraĵo kaj mono. Socialismo havas nek privatan propraĵon, nek monon: sekve ne krimfarojn. Fakaj kuracistoj zorgas tiujn krimulojn, kiuj ne rilatas al privata proprajo kaj mono.

En kapitalista socio ruzuloj havas la eblon ekspluati aliajn homojn: kelkfoje okazas malagrablaĵoj eĉ inter membroj de unu familio. Ĉe socialismo ĉiu civitano estas dumviva zorgato de la socio: dum kelka tempo li repagas la servojn de la socio per sia laboro: ekspluatado kaj malagrablajoj estas for.

Dum jarmiloj oni eldonis punleĝojn, sed krimfaroj daŭras. Socialismo ne bezonas punleĝojn same ĝi ne bezonas la tiel nomitajn civilajn leĝojn, ĉar forestas la kaŭzo: privata propraĵo.

Socialismo havas regularojn por la produktado kaj disdonado de la bezonajoj kaj por liverado de servoj. Ilin fiksas la koncernata personaro, en konsento kun la centra oficistaro.

Finfine socialismo estas nur industria sociordo, ne la nuna anarkio.

Oni povas kaj devas krei la kondiĉojn, kiuj ebligos la pacan transiron el la nuna socio al la socialista, ne atendante, ke iu partio kaptas la politikan povon. *C. D.*

---

## N. B. Ĥawkin . 1874 - 1957

Je la 17-a novembro mortis en Jerusalemo s-ano Natan Bencion Ĥavkin en aĝo de 84. S-ano Ĥavkin fariĝis vegetaro en la jaro 1893, t.e. 21-jaraĝa, kaj de tiam ĝis la lastaj tagoj de sia vivo li agis senlace por



la afero de la vegetarismo kaj esperantismo, kiujn li ligis kune.

Ne estas ĉi tie la loko priskribi detale pri lia vivo kaj agado, ni menciu nur pri la »Tutmonda Esperanta - Vegetara Asocio« (TEVA) kiun s-ano Ĥavkin renovigis post 18 jara prokrasto. Pri la ĉefa celo de TEVA ni legas en ĝiaj statutoj: »La celo de la asocio: Disvastigi Esperanton inter vegetaranoj kaj instrui la moralan kaj naturan vivtenadon vegetaran inter esperantistoj«. (Vidu »Vegetarano« numero 1 - 1957). S-ano Ĥavkin eldonis 3 sinsekvajn numerojn, 2 en la jaro 1955, kaj unu somero 1956 kaj tre ĝojis pri sia sukceso. La legantoj de »Vegetarano« sendube memoras liajn kortuŝajn vortojn: »Starante sur la sojlo de la eterneco, mi aparte estas kontenta je la certeco, ke la de mi revekita revuo *ne plu mortos, sed daŭrigos sian aperadon* presota kun pli bela aspekto ol okazis ĝis nun.« (Vidu Vegetarano'n numero 1 - 1956) Dank al la sindonemo de kelkaj evanoj, ĉefe s-ano B. Sørensen kaj s-ino B. Larsen havis s-ano Ĥavkin la plezuron vidi — antaŭ la forpaso — 3 belaspektajn kaj riĉenhavajn numerojn de »Vegetarano«.

Tamen la revuo ne ekzistas pro ia miraklo ... tial permesas al si la subskribinto — ĉe kiu la vegetarismo estas lia kredo — turni sin al la kunlaborantoj kaj legantoj de »vegetarano« kun la vortoj: »Karaj geevanoj! Zorgu pri la disvastigo de nia kara revuo, mendu kaj pagu por kelkaj numeroj kaj dissendu ilin al viaj amikoj, publikigu anoncojn kaj reklamojn, sendu artikolojn, originalajn kaj tradukitajn, traduku el la revuo nacilingve kaj menciu la fonton, mendu librojn recenzitaj en »Vegetarano« ĉe la redaktoro (aŭ s-ino B. Larsen) kpt. Ni zorgu, ke dum la jaro 1958 estu almenaŭ 500 abonantoj. Tiam ni estos certaj, ke »Vegetarano« ne mortos, ĝi prosperos kaj povas aperi 4-foje dum la jaro, kio sendube estas la sopiro de ĉiu leganto.

Do, Ek al la laboro!!!

10-12-1957.

Mishmar Hashiva
Post Bet Dagon
Izrael
Jehezkel Dorn
Fakdelegito (vegetarismo)
de Universala Esperanto Asocio

*Noto:* En la malnovaj numeroj de »Vegetarano« estas menci-itaj la »landaj perantoj kun abonprezo en nacia mono«. En Izraelio (tiam Palestino) estis menciita: »La peranto s-ano N. B. Ĥavkin, Jerusalemo, Givat Saul«. La pago estis — 1 dolaro. Nun proponu; ĉiu leganto de »Vegetarano« pagu 1 dolaron (aŭ egalvaloron) por esti registrita kiel membro de TEVA kun la rajto ricevi la revuon, sen ia krompago. La pago de almenaŭ 10 legantoj izraelaj estas garantiataj.

*J. D.*

---

## Forpasis »la patro« de »Vegetarano«

Kun doloro ni eksciis, ke mortis en Jerusalemo la 17-an de novembro 1957 N. B. Ĥavkin, iniciatinto de la renaskiĝo de la Esperanto vegetara movado.

Li naskiĝis la 20-an de januaro 1874 en provincurbo de Blankrusio. Li lernis en Moskvo la juvelistan fakon. Forpelita kiel judo en 1891 li iris al Odeso, kie li frekventis desegnan lernejon kaj mezlernejon. Tiam li jam estis studema, kaj li publikigis en hebrea revuo propran kalkulon, laŭ kiu la inaŭguro

de la Salomona templo okazis preeize mil jarojn antaŭ la kristana erao. En 1897 li iris al Munkeno (Germanio), unue en dekoraci-arta lernejo, poste li fondis grafikan entrepenon. Tie li fariĝis vegetarano, kaj poste, en 1912, esperantisto. En 1918 aperis kolekto de liaj german-lingvaj artikoloj pri vegetarismo, sub titolo »Mensch und Tier« (Homo kaj besto). En 1920 li komencis publikigi esperantan aldonon »Hebrea Esperantisto« en revuo, kiun li eldonis. En 1921 li translokiĝis al Jerusalemo, kie li plu agadis kiel esperantisto kaj vegetarano. La 26-an de junio 1952 la izraelia registaro registris kiel kultura asocio »Zamenhof-Fondo«, kies sekretario-kasisto estis N. B. Ĥavkin, kiu cetere dediĉis al tiu fonduso ĉiujn eventualajn profitojn de lia invento pri scienca ornamfarado »Ornamografio«. La celo estis »eternigi la memoron de D-ro Eliezer Zamenhof, kreinto de Esperanto per konstruo de Esperanto templo kaj lernejo Hebrea-esperanta je nomo de D-ro Zamenhof en Jerusalemo«.

Lia agado renkontiĝis kun mia en Februaro 1954, kiam mi legis anoncon lian por arigo de la vegetaranoj kun la celo reeldoni apartan revuon. Tio estis ideo jam kara al mi, tial mi tuj ekkorespondis kun li. Mi tiel havis la okazon sperti lian kvazaŭ mistikan entuziasmon por Esperanto kaj Vegetarismo. Cetere laŭ li »Vegetarismo estas la interna ideo de Esperanto«. En letero de la 20-a de Aprilo 1954 li difinis al mi sian koncepton pri la rolo de la revuo »Vegetarano«. »Ne ekzistas manko de nacilingvaj revuoj traktantaj la vegetarismon de scienca, kuracista kaj simple praktika vidpunktoj. Sed la kunligo de vegetarismo kun Esperanto havas sian apartan signifon. Zamenhof revis antaŭe pri la interna ideo de Esperanto, kiu signifas fratecon kaj justecon de la homaro. Kiam li konvinkiĝis, ke per la solvo de la lingva problemo oni ne atingis tiun ĉi idealon, li kreis la movadon Homaranismo, kiu celis alproksimigon de la homoj per komunaj Diservo k.c. La Esperanto-Vegetaranoj devas akceli alproksimigon de la homoj el morala vidpunkto, per la imperativo »Ne mortigu«. Jam Leonardo da Vinĉi kaj poste L. Tolstoj skribis: »Tiel longe, kiel ekzistas bestbuĉejoj, ne ĉesos ankaŭ la militoj«. La revuo »Vegetarano« devas ĉefe plifortigi la homan konsciencon. ... En la epoko de atomdetru-minaco nia devizo devas esti: »Morala plifortigo de la homaro aŭ ĝia pereigo«.

La 11-an de Junio 1954 estis registrita en Izraelio »Tutmonda Esperanto Vegetara Asocio«. Post aktivaj korespondoj kaj klopodoj li sukcesis eldoni en januaro 1955 la unuan kajeron, stencilitan, numeritan »Jaro XX, no 1« por memorigi, ke aperis alia revuo »Vegetarano« dum 19 jaroj inter 1913, kiam fondis ĝin Oskar Bünemann, kaj 1937. En tiu unua numero de la nova serio, li precizigis kial laŭ li vegetarismo estas grava mondpaciga faktoro, pro morala kaj ekonomia efikoj. Unuflanke la bestbuĉado alkutimigas al kruelajoj kaj malrespekto de la vivo aliflanke la bestbredado malsparigas grandan frakcion de la tero, kiu povus esti dediĉata pli produktive al la senpera kulturado de homaj nutraĵoj vegetaĵaj. Nu morala malfortiĝo kaj ekonomia streĉo ludas gravan rolon en la militemo.

La dua kajero aperis en julio 1955. Per la revuo N. B. Ĥavkin provas disvastigi ornamografion, kies profitojn li dediĉis al ĝi, sed miascie sen sukceso. Li klopodas por trovi junajn helpantojn, kiuj daŭrigus la revuon post li. Li insiste petas, ke mi transprenu la redaktadon, kaj B. Sørensen la presadon de la revuo, kaj li skribas al mi la 16.10.55 »Aparte kontentigas min la certeco, ke la de mi revekita revuo ne plu mortos, sed daŭrigos sian aperadon, presota kun pli bela aspekto ol okazis ĝis nun. Por tio mi faris testamenton, ke post mia morto la redakcio de »Vegetarano« ricevu, por kovri eventualan deficiton, monon el la 5 usonaj dolaroj de la ĉiumonataj luenspezoj de mia dometo en Givat Saul, kiuj estas dediĉitaj al Zamenhof-Fondo«.

En la tria numero, alveninta en Aprilo 1956, li ĝojis pri la sinceraj amikoj, kiujn li akiris dum sia klopodado por eldoni »Vegetarano«, kaj skribas: »Tial mi sentas min lastatempe pli feliĉa ol en ĉiuj pasintaj jaroj de mia vivo«. Post la ekspedo de tiu numero li sendis la adresaron al Danio kaj rezignas ĉium oficialan postenon en la eldonado de la revuo. Tamen li aktive klopodas, ekzemple trovi firmojn, kiuj pagus reklam-anoncojn, kio havigus financajn rimedojn.

La esperoj de N. B. Ĥavkin pri postvivo de la revuo ne estis trompitaj. Mi povis preskaŭ nenion fari pro mia militservado en Alĝerio (kiu cetere tre ĉagrenigis lin), sed dank'al B. Larsen kaj B. Sørensen daŭris la duonjara aperado de la revuo, unue stencilita, fine presita.

Post la morto de tiu fervora kaj entuziasma pioniro, estas la devo de ĉiu esperantisto-vegetarano streĉi sian forton por esti inda de li, kaj zorgi ke lia »infano«, la nova revuo »Vegetarano« plu vivu kaj senĉese plifortiĝu. Tiel Esperanto estos doninta al la homaro unu plian progreseman revuon.

*A. Andriu.*

---

## Atentu pri niaj unuaj perantoj

Izraelio: J. Dorn, Tel-Aviv, P.O.B. 2460.

Ĉehoslovakio: Inĝ. B. Molnár, Praha 1. Náprstkova 9.

Francio: André Andrieu, á Salusses par Montsalés, (Aveyron) C. C. P. Toulouse -- 1859—72.

Danio: Betty Larsen, Gl. Strandvej 288, Humlebæk.

La abon-prezo estas 4 respondkuponoj aŭ egalvaloro de la respektivaj, landaj prezoj je 4 respondkuponoj.

*La ekspedejo.*

---

## *Bondeziroj el Bulgario*

Ni, la vegetaranoj esperantistoj el la Vegetara, agrikultura, kooperativa bieno deziras al ĉiuj esperantistoj vegetaranoj, al ĉiuj veraj pacigantoj ĝojan kaj feliĉan Kristnaskon kaj novjaron 1958.

Ni deziras al ili ĉiuj longan vivadon, bonfarton kaj viglan spiriton por batalo kontraŭ la plej granda krimo, la milito.

Ni ĉiuj kiel unu diru: »For la milito! Ĝi estas kontraŭ la homaro. Ni, do, firme decidas ne subteni ian ajn militon, sed penadi forigi ĉiujn kaŭzojn de milito«.

Samideano St. Jv. Bakarov, KV. Proslav — Plovdivsko, Bulgario.

---

## SCIIGO

La 91-jara profesoro H. Rissom, Mörkenweg 33, Hamburg-Bergedorf, estas la plej aĝa leganto de vegetarano. Li naskiĝis la 2-an de oktobro 1866.

# ANONCOJ

S-ino P. Bariteaud, »Verda Stelo«, Sainte Brigitte, Grasse (A.M.) Francio, deziras korespondi kun gevegetaranoj ĉiulandaj.

Korespondadon kun junaj gevegetaranoj el la tuta mondo deziras 29-jara instruisto. Teodor K. Toĉev, str. Al Stambolijski 16, Goce Delĉev, Bulgario.

Filatelistoj! Mi deziras interŝanĝi poŝtmarkojn el ĉiuj landoj. Else Westergaard, Humlegaarden, Ny Strandvej 11, Humlebæk, Danlando.

## La fondo de Internacia Vegetara Kolonio

bazita sur:

1. Laŭ natura terkulturado
2. Vegetarismo
3. Sennaciismo kaj
4. Esperanto uzata kiel oficiala kaj komuna lingvo —

estas realigebla, se organizos sin »pioniroj« en grupoj laŭ la maniero de la Izraelaj »pioniroj«, kiuj fondis la »Kibucim« (Laboristaj Kolektivoj).

Interesuloj skribu al la sekretario I. Dorn, Tel Aviv, P.O.B. 2460 Izrael, aŭ kontaktu kun Gilbert Ledon, Avenida Patria 1377, Apt. 2, Porto Alegre, Brazilio.

## La hebrea eldono de »Ekzercaro de Zamenhof«

estas havebla ĉe la Izraela peranto de Vegetarano I. Dorn, kontraŭ kvin respondkuponoj internaciaj, pagebla al Betty Larsen, Gl. Strandvej 288, Humlebaek, Danlando. — Estas necese mencii: ke la Izraelaj legantoj pagu 300 prutoj por ĉiu ekzemplero de »Vegetarano« al la peranto, I. Dorn.

**Por kiu ajn malsano**

herb-teon.

Recepton sendos

Inĝ. B. Molnár
Náprstkova 9, Praha 1
Ĉehoslovakio

Aldonu 2 respondkuponojn.

Ing. B. Molnár estos peranto por »Vegetarano«

## Pri pagado de abono

Laŭ anoncoj en la esperanta gazetaro ni ricevis multajn petojn pri »Vegetarano«. Inter ili pluraj esperantistoj demandis, kiamaniere pagi la abonon? Se ne estas eble ekhavi respondkuponojn, mi petas vin anstataŭ sendi al mia adreso viajn landajn, lokajn revuojn, gazetojn kaj aliajn presaĵojn, kiuj aperos en viaj resepktivaj landoj.

*Betty Larsen,*
Gl. Strandvej 288, Humlbæk, Danio.

## RECENZOJ

»La Objektivo«, organo por Universala, Racia kaj Objektiva Homkulturo. Tre leginda gazeto kun valora enhavo. Ricevebla kontraŭ 1 respondkupono ĉe Gilbert Ledon, Avenida Patria 1377, apt. 2, Porto Alegre, R.G.S., Brazilie — aŭ ĉe la Izraela peranto, I. Dorn, Tel-Aviv, P.O.B. 2460, Izrael.

SAT-AMIKARO, monata organo, kies artikoloj havas intereson ankaŭ por esperantistoj ekster S.A.T. Redakcia adreso: 67, avenue Gambetta, Paris—20. »La Esperantista Laboristo«, du-monata organo de F.E.T., adreso: 4, str. Genéral-Malleterre, Paris—16 Ni rekomendas, ke oni abonas ĉi tiun gazeton!

FOLKEBLADETS BOGTRYKKERI
FARUM-TELEFON 243